# TABELO DE ENHAVO





Arbara akvofalo

# SOLVU

**de Viglo**

## CERBOTIKLILO 01

**1 → 5 → 30 → 210**
3 → 15 → 90 → 630

Observante la du suprajn nombrovicojn kaj pere de determinonta logika kriterio, trovu la nombron por anstataŭi la demandosignon en la suba vico.

5 → 25 → ? → 1050

## CERBOTIKLILO 05

Laŭ determinonta logika kriterio, el la subaj nombrovicoj kiun oni povas konsideri "enŝteliĝinta"?

a) 33266
b) 99333
c) 88422
d) 55533
e) 11444

## DIVENLUDO

*Sopiro al libero*

Kun siaj fratoj kunigita,
ĉiam ĝi restos nur la dua,
eĉ emanta tute elstari
dum furioza diskutado.

## VENĜEMA FIERULO

Surpiede ĝi ĉiam staras
sed gardu vin senvole
subpremi ĝin. Senpere
reagas ĝi. Dolore!

**La solvojn vi trovos sur paĝo 27**

# RECENZO

Anton Pavloviĉ Ĉeĥov, *Onklo Vanja*, El la rusa tradukis Mikaelo Povorin. Literatura suplemento al la gazeto REGO, Moskvo, 2005.

## PRI DOKTOROJ KAJ HOMOJ MALSANAJ

**recenzas Tatjana Auderskaja**

A.P. Ĉeĥov, ŝajne, estas la plej eksterlande konata rusa literaturisto. Temas ne pri la nomo, sed pri la verkoj. Klare, ke la nomoj de L. Tolstoj kaj F. Dostojevskij estas pli ofte uzataj kaj rememorataj, kiam temas pri rusa literaturo; sed, sincere dirate, ĉu multaj legis ilin? Ja longaj verkoj... en nia dinamika tempo... Sed Ĉeĥov, kiu verkis nur kurtajn rakontojn, estas pli komprenebla kaj pli proksima al eŭropa, ĉina, japana animo. Oni ofte tradukas lin al diversaj lingvoj... kaj foje eĉ legas!

En 2004 estis tradukita lia teatraĵo *Ĉeriza ĝardeno*, kaj en 2005 aperis traduko de dua el kvar liaj famaj teatraĵoj, *Onklo* "*Vanja*. Plenumis ĝin fama poeto kaj bardo M. Povorin. Kaj bone plenumis.

La subnomo de la verko estas: "Scenoj el vilaĝa vivo en kvar aktoj". La teatraĵoj de Ĉeĥov tute ne konformas al kutima, tradicia formo de teatraĵo, kiun ni vidas en verkoj de Shakespeare, Schiller, Molliere, G. B. Shaw aŭ iu ajn el klasikuloj. La ĉefa postulo en klasika dramo — vigla kaj streĉa intrigo kiel spino de la tuta verko, la фабула[1] kiel risorto, kiu forte frapas ĉe l' finalo. Nenion tian oni trovas en dramoj de Ĉeĥov. Nek akra intrigo, nek pasioj… Fakte, pasioj bolas — sed nur interne. Oni ne povas ĝuste indiki la ĝenron de liaj teatraĵoj; verŝajne, ili estas tragedioj de la plej ordinaraj homoj: tiaj ĉiutagaj tragedioj, kiujn neniu rimarkas: nemajestaj, nelaŭtaj, nebrilaj. La tragedia karaktero de ĉiutageco korodas la vivojn; kaj samtempe la flamo de talento, de alta alvokiĝo lumigas la vivojn kaj animojn de tiuj plej ordinaraj homoj.

Ĉeĥov estas unu el fondintoj de nova literaturo, almenaŭ en sfero de teatraj verkoj. En liaj teatraĵoj gravas paŭzoj: ili kvazaŭ donas la duan dimension al simplaj frazoj, kondukante nin de ŝajne trivialaj eldiroj al sia profunda signifo, montranta la internan vivon, la verajn sentojn de protagonistoj.

"*Jes, delonge oni ne kuiris ĉe ni nudelojn*". *Paŭzo*" Sed iel videblas, ke la tuta vivordo estas rompita. Aŭ:

*Vojnickij: Mi silentas. Silentas kaj pardonpetas.*

*Paŭzo.*

*Jelena Andrejevna: Bona vetero estas hodiaŭ... Ne varmegas...*

---

[1] фабула =fabula (el la latina) = ĉeno de eventoj, skeleto de verko.

*Paŭzo.*

*Vojnickij: En tia vetero estas bone pendumi sin...*

Vera intrigo de verkoj de Ĉeĥov okazas en la mensoj, en interna vivo. Li mem diris, ke li volas ne verki “bonan dramon”, sed demonstri en la sceneja formo la vivon, kie: “homoj tagmanĝas, nur tagmanĝas, sed en tiu tempo kreiĝas ilia feliĉo aŭ frakasiĝas iliaj vivoj”. Post Ĉeĥov’aj verkoj oni nomas tiun novan formon de drama strukturo “interna intrigo”: ĉiu protagonisto estas enmergita en sian propran mondon, propran mensocirklon, ĉiu elradias sian specifan ondolongon, kaj ĉio kune faras strangan simfonion. Apartaj sonoj interplektiĝas aĵure, jen kunproksimiĝas en akordo, jen disiĝas... sed ĉiu estas sola kaj soleca. En dramoj de Ĉeĥov forestas feliĉa amo: tiu, kiu amas, estas malfeliĉa, kaj feliĉas nur senanimaj egoistoj, tute ne kapablaj ami. Eble, ankaŭ pro tio dramoj de Ĉeĥov estas komprenataj de nuntempa publiko; li vere estas unu el fondintoj de nuntempa literaturo.

La paroloj estas strangaj sed neniam hazardaj. Ĉiu plej triviala rimarko karakterizas la animstaton de l’ persono. Ekzemple, en genia finalo de “Onklo Vanja”, post pafoj, provo de suicido, ardaj dialogoj, — evidentiĝas, ke la viva katastrofo de la onklo Vanja esprimiĝas ne en tiuj efektaj scenejaj agoj, sed en ŝajne preteraj vortoj de Astrov: *“He, verŝajne en tiu Afriko nun estas varmego — terura afero!”*

Ĝenerale, la teatraĵo plenas de “flugilhavaj esprimoj”, kiuj nun iĝis konataj al ĉiu klera rusa homo. *“Ni vidos la ĉielon plenan de diamantoj”* — oni diras pri plenumo de plej altaj aspiroj. *“En la homo ĉio devas esti belega: kaj la vizaĝo, kaj la vesto, kaj la animo, kaj la pensoj”* — la citaĵo eĉ trivita en sovetia tempo.

Frapmirigas ankoraŭ unu trajto de tiu ĉi verko de Ĉeĥov. Ĉirkaŭ 30 jarojn antaŭ la apero de la vorto mem “ekologio”, des pli de la nocio mem, Ĉeĥov per la buŝo de doktoro Astrov, fakte sia “alter ego”, proklamis neceson de amo al naturo, zorgo kaj estimo al ĝi.

> *Astrov: La rusaj arbaroj krakas sub toporoj, pereas miliardoj da arboj, malpleniĝas la loĝlokoj de bestoj kaj birdoj, malprofundiĝas kaj sekiĝas riveroj, malaperas senrevene mirindaj pejzaĝoj... Nur malprudenta barbaro povas bruligi ... tiun belon, detrui tion, kion ni ne povas krei. La homo estas dotita per racio kaj krea forto por multigi tion, kion oni donis al li. Tamen ĝis nun li ne kreadis, sed detruadis. Arbaroj pli kaj pli malmultas, riveroj sekiĝas, sovaĝaj bestoj formortis, la klimato estas difektita, kaj ĉiutage la tero iĝas pli kaj pli malriĉa kaj hida.*

Siatempe la publiko ne komprenis tiujn vortojn, eĉ primokis ilin — tiel malkutimaj kaj strangaj ili ŝajnis. Sed kiel aktualaj ili ŝajnas nun! Vere, Ĉeĥov

antaŭvidis ne nur novan literaturon, sed ankaŭ novan vivon — kaj tial liaj komedioj estas tiel tristaj...

Li mortis antaŭ 105 jaroj (en 1904); sed liaj verkoj temas ankaŭ pri ni. Ili ne restis limigitaj en sia epoko, ili bezonatas al ni kaj estos bezonataj al estontaj generacioj. Ili ankoraŭ alproksimiĝas al tutmonda legantaro. Interalie, interesa paralelo okazas inter Ĉeĥov kaj Zamenhof. Ambaŭ estis kuracistoj, kaj ambaŭ ĝis la morto daŭrigis sian kuracistan praktikon, kaj kuracis plejofte senpage malriĉulojn. Ambaŭ donis precipan atenton al homaj suferoj, doloroj, internekompreniĝo, kaj strebis reale helpi, kaj kiel doktoroj, kaj en sia krea agado.

Oni devas diri pri la lingvaĵo de la traduko: la lingvaĵo de Ĉeĥov ĉiam estas tre simpla, parolflua kaj absolute trafa. Same mi povas diri pri la traduko: simpla, sed riĉa vortelekto, nenie pretendemaj stilumaĵoj, kiujn tiel ne ŝatis Ĉeĥov. La alta kulturo de vorto. Eble, alilingvanoj trovos rusismojn — sed mi, estante ruslingva, ne povas ilin rimarki.

[La recenzo estis publikigita, en iom kurtigita formo, en Rusia gazeto *REGO*, en la jaro, ŝajne, 2006. Fakte, ĝi estis destinita ne por rusa publiko, kio videblas. Mi esperas, ke ĝi estos utila por inteligentaj legantoj :-) ]

---



# La komenco de psikanalizo

## Parto 5: Carl Jung

**de Donald Broadribb**

Carl Jung naskiĝis en vilaĝa medio en Svislando en 1875. Li estis filo de pastro de la Svisa Reformita Eklezio, do multe spertis la publikan kaj la privatan karakterojn de profesia religiagado, kio forte influis lian dubemon pri religiaj instruoj kaj institucioj. Samtempe, li profunde studis filozofion, lin ekscitis arkeologiaj trovaĵoj, kaj antikvaj kulturoj. Unue li celis profesie studi arkeologion, sed tia fako ne ekzistis en la proksima universitato, do anstataŭe li studis medicinon.

Akirinte sian profesian medicinan diplomon, Jung decidis specialistiĝi pri psikatrio, kaj lin dungis Eugen Bleuler, la psikiatria direktoro de la ĉefa svisa psikiatria hospitalo Burghölzli en Zuriko. Tie, kiel vicdirektoro de la psikiatria hospitalo, Jung studis la ĝistiaman psikiatrian literaturon, kaj tre zorge kontrolis la agadon kaj pensadon de la psikiatriaj pacientoj. Bleuleron tre interesis la tasko distingi specojn de psikiatriaj malsanoj, kaj li enkondukis la dividon inter neŭrozo kaj psikozo. La psikozo poste dividiĝis en plurajn partojn: skizofrenio, deprimo, mani-deprimo (nun nomata "dupolusa malsano"), kaj ceteraj psikiatriaj malsanoj.

En siaj unuaj profesiaj jaroj, Jung precipe atentis la fenomenojn "diseriĝinta personeco", skizofrenion, kaj li entreprenis psikologian eksperimentadon. Lia doktoriĝa tezo pri "diseriĝinta personeco" pritemis pacientojn, kiuj *ŝajnas* havi plurajn "personojn" en si. Tiu kategorio inkluzivas mediumojn (kiuj entranciĝas kaj pretendas peri la vortojn de mortintoj); personojn kiuj kelkfoje vidigas unu karakteron sian, kaj alifoje agas, kondutas, kaj parolas kvazaŭ tute aparta persono kun individua karaktero tute malsimila al la unua — kvazaŭ loĝus en ilia korpo du aŭ pli da individuaj personoj; amneziulojn; kc. Estas *kvazaŭ* la diversaj partoj de la estiĝanta individua menso de infano malsukcesas integriĝi, kaj anstataŭe iĝas du aŭ pli da mensoj. (Mi diras "*kvazaŭ*", ĉar tre zorga ekzameno de tiaj personoj konstatigas ke tiuj diversaj "apartaj" karakteroj havas komunan bazon. En la ĉiutaga vivo, oni plej klare vidas mildan formon de tia fenomeno en personoj kies karaktero kiam ili ebriiĝas kvazaŭ plene alliiĝas: ekzemple mildulo, pensema, zorga, helpema persono ekiĝas furiozema, emociega, perfortema egoisto.

Sekvis tiun doktoriĝan tezon libro, en kiu Jung detale ekzamenas la fenomenon skizofrenio. Liaj spertoj pri la pacienctoj en la Burghölzli estis la fundamento de lia verko.

Kaj Bleuler kaj Jung profunde kredis ke biokemia misaĵo en la afliktato

kaŭzas ties skizofrenion. En 1900-1901, neniuj medikamentoj utilaj por la terapio de mensmalsanuloj ekzistis. Sed antaŭ sia morto en 1961, Jung vidis la enkondukon de medikamentoj por la terapio de psikozaj personoj, kaj opiniis ke tio validigas lian ĉiaman kredon: ke biokemiaj kaŭzoj estas la bazo ne nur de skizofrenio, sed ankaŭ de mani-deprimo (du-polusa malsano), endogena deprimo[1], kaj ceteraj mensmalsanoj.

Samtempe kun tiuj studoj, Jung entreprenis psikologian eksperimentadon, kaj sistemigis la testadon de personoj (kaj normalaj, kaj mense malsanaj). El tio fine rezultis la "Mensogo-detekta" aparato. Dum multaj jaroj Jung aplikis sian sistemon al la kriminologio, kaj li ofte ekzamenis akuzitojn por la polico, kaj laŭbezone atestis pri siaj konkludoj en tribunalaj procesoj.

Malsimile al Freud, Jung konvinkiĝis ke la socia medio forte influas la estiĝon kaj karakteron de mensaj malsanoj. Por studi tion, li entreprenis esplorojn en diversaj partoj de Afriko, kaj inter diversaj triboj de indianoj en Usono. Li sekvis arkeologiajn raportojn, kaj intime amikiĝis kun diversaj antropologoj, por sciiĝi pri la ne-eŭropaj popoloj de la mondo.

Li konkludis ke la fundamenta menso ("psiko") de ĉiuj homoj estas rezulto de evoluo, kaj en siaj plej bazaj formoj estas identa inter ĉiuj popoloj. Tion li iom miskomprenige nomis la "kolektiva nekonscio", t.e. la specife homa karaktero de la homa menso, distinganta ĝin de aliaj bestoj. (Tion Freud nomis la *ĝio*.) Kion Freud nomis la "supermio" Jung preferis nomi la "kolektiva konscio", t.e. tio, kion la socio trudas al siaj anoj kiel supozatan normalajn kondutadon kaj pensadon. Jung teoriumis ke heredita aŭ alie kaŭzita biokemia miso en la cerbo malebligas al mense malsana individuo "kontentige ĵongli" la postulojn de la interna fundamento de la cerbo kun la postuloj de la socio.

Certaj problemoj estas tre oftaj rilate al la kapablo de la fundamenta cerba funkciado kontentige kompromisi kun la postuloj de la socio, kaj tiujn Jung nomis "kompleksoj". La homa menso ne fundamente ŝanĝiĝis dum la jarmiloj (amata esprimo de Jung estis ke "en la kerno de ĉiu persono estas dumilion-jara" homo), sed la sociaj detaloj tre multe ŝanĝiĝis dum la epokoj de la homa historio. Komplekso = nekontentiga kunlaboro de la praelementoj de la cerba

[1] Ordinara deprimo kaŭzita de eventoj en ĉiutaga vivo de individua persono *eble* havas alian originon. ***Endogena deprimo*** havas genetikan kaŭzon, daŭras senĉese dum multaj monatoj aŭ eĉ jaroj; kiam severa, ĝi malebligas al la suferanto eĉ simplajn agojn, kaj ofte rezultigas suicidon. Pluraj medikamentoj helpas mildigi tian deprimon, eĉ sufiĉe ke la suferanto povas ĝenerale konduti kaj paroli kvazaŭnormale. Por multaj pacientoj suferantaj endogenan deprimon, tamen, neniu konata medikamento plene sufiĉas. Mia filo suferis pro rara formo de endogena deprimo, kiun mildigis nur unu konata medikamento. Malgraŭ tio, li fine suicidis. — Kelkaj kontraŭdeprimaj medikamentoj ankaŭ helpas ordinaran (neendogenan) deprimon. En la kazo de vera endogena deprimo, daŭra uzo de taŭga medikamento necesas dum la tuta vivo.

agado (Jung nomis tiujn praelementojn “arketipoj”, t.e. pratipoj de pensado) kun la postuloj de la socio en kiu vivas koncerna persono.

La epokfara verko *La interpretado de sonĝoj* de Sigmund Freud atingis Jungon en 1900, kaj instigis Jungon ekzamenadi sonĝojn. Li tuj rimarkis similecojn inter la sonĝoj de mensmalsanaj homoj kaj de multaj el la sonĝoj traktitaj de Freud. Montriĝis ke la ordinara parolado de mensmalsanuloj ne tre bone akordas kun iliaj sonĝoj. Li entreprenis prilabori metodon estigi en individuo staton de “ne-dumdorma sonĝado”, kion li nomis “aktiva imagado”. Ne temas pri hipnozo, sed alia mensa stato, dum kiu la terapiisto tute ne parolas al la paciento sed nur aŭskultas kion diras la paciento dum aŭ tuj post la “ne-dumdorma sonĝo”. Ĉi tiu metodo estas iom danĝera, ĉar se la paciento inklinas al skizofrenio, ĝi povas aktivigi skizofrenian epizodon; do uzu ĝin nur tre sperta terapiisto trejnita pri tiaj aferoj.

Jung ankaŭ rimarkis ke multaj pacientoj inhibiciiĝe parolas, sed desegnas, pentras, aŭ skulptas. Li do kuraĝigis emajn pacientojn tion fari, ĉu dum sesio kun la terapiisto, ĉu inter sesioj. Post ĉi tiu artikolo mi montras aron da pentraĵoj faritaj de pacientoj miaj.

Jung korespondadis kun Freud dum multaj jaroj, kaj kelkfoje ili renkontiĝis kaj konversaciis. Sed Jung malakceptis la konkudon de Freud ke la *sola* kaŭzo de mensperturbiĝo estas sekso aŭ sekseventoj. Certe sekso/sekseventoj troveblas en la mensaj problemoj de ĉiu paciento — eble, eĉ verŝajne, en ĉiu normala persono — sed ankaŭ aliaj faktoroj troveblas, kaj necesas egale pritrakti ilin ĉiujn. Ne ignori la sekselementon, sed kombini kun ĝi ankaŭ la aliajn faktorojn.

Post ĉ. 1915 Freud kaj Jung ĉesis kunlabori en la tutmonda psikanaliza asocio, kaj ambaŭ laŭiris propran direkton. Ke ili plu legis la verkojn unu de la alia estas klare, kaj oni povas diri ke en 1939, kiam mortis Freud, ili atingis pli-malpli similajn vidpunktojn.

Mi mem opinias ke la fakto ke Jung prilaboris ĉefe psikozajn malsanulojn kaj Freud neŭrozulojn estis parta kaŭzo de la konflikto inter iliaj du skoloj.

Multaj neŭrozoj estas kuraceblaj per diversaj metodoj. Persono kiu havas, ekzemple, simptomojn de angoro (ankaŭ nomata “anksio”) povas uzi diversajn medikamentojn, preskriblajn de kuracisto. Da ili ekzistas granda nombro. Ankaŭ kelkaj el la kontraŭdeprimaj medikamentoj paradokse helpas kontraŭ angoro. (Pri la kialo, ekzistas diversaj vidpunktoj.)

La skolo de “modifado de konduto” (“behaviorismo”) ankaŭ estas ofte tre efika — ne por ĉiuj mensmalsanoj, sed por iuj pacientoj. Efektive, en la praktiko neniu unusola kuracmetodo efikas por ĉiuj mensmalsanoj aŭ mensproblemoj.

En mia propra profesia psikoterapiado, mi uzas tiujn metodojn, el kiu ajn skolo, kiuj por specifa paciento montriĝas efikaj. Mi estis profesie trejnita en la Instituto de Analiza Psikologio, fondita de Jung, en Zuriko; kaj mi estas registrita terapia psikologio en Okcidenta Aŭstralio. Nun mi estas emerita, kaj ne plu akceptas novajn pacientojn. Plejofte miaj pacientoj konsultas ankaŭ kuraciston (pli kutime, psikiatron), kaj laŭbezone, mi kaj la kuracisto/psikiatro interkonsultas unu la alian pri la terapio de komuna paciento. Ĉefe mia pacientaro konsistis el psikozaj personoj, en menshospitalo kiu min dungis, aŭ per privata konsultado.

Necesas diri ke ĉiu paciento estas individuo, kun propraj unikaj problemoj kaj karaktero. Neniu paciento konformas al la priskribo de psikologiaj malsanoj en la instrulibroj. Mi tre forte volas averti: ke *maleblas* interpreti sonĝon sen detala konsultado kun la sonĝinto. "Universalaj simboloj" *ne ekzistas*.

Psikologia/psikiatria problemo aŭ stato povas esti longedaŭra aŭ kurtedaŭra. Multaj korpaj malsanoj kaj psikiatriaj statoj estas intime kunligitaj. La homo estas kutime homeostata. Tre ofte la terapio konsistas el strebo rekonduki la pacienton al ties natura homeostato.

Ĉu mensmalsanoj estas heredeblaj? Ŝajnas (sed ankoraŭ ne estas plene pruvite) ke kelkaj genoj povas inklinigi sian posedanton reagi al eventoj dum la vivo per mensa perturbiĝo. Sed malfacilegas trovi ĉu specifan mensan perturbiĝon kaŭzis almenaŭ parte genetikaĵoj, ĉu la familia etoso kutimigis iun personon agi/konduti/paroli "strange". Tre familiaraj por terapiistoj estas pacientoj kiuj suferis ŝokego(j)n, ĉu dum milita batalo, ĉu pro aŭtoakcidento, ĉu alikaŭze. Ŝokego povas esti korpa, aŭ anima, aŭ ambaŭa.

Rilate al la pentraĵoj sur la ĉisekvaj paĝoj: mi ne diskutas la psikiatrian karakteron de la desegnintoj. Sed espereble ili interesos kaj pensigos vin.

# PENTRAĴOJ KAJ SKULPTAĴOJ
## faritaj de pacientoj dum sia analiza terapio


Olefarbo sur kanvaso


Olefarbo sur kanvaso



Olefarbo sur kanvaso



La kvar pentraĵoj estis faritaj de meze aga virino



“Rub snake oil in hair” [“Masaĝu serpentoleon en vian hararon”]
pentrita laŭ sonĝo



Junulino ludanta mandolinon per arĉo, dum aŭskultas multaj homoj

Ambaŭ bildoj pentritaj de unusama junulo ĉ. 20jara



↑ Krucumita virino ↓



Pentritaj de viro ĉ. 40jara



Permane farita argila skulptaĵo



"Familia grupo: Patro, infano, patrino"

(Nebakita argila plakato)

Faritaj de la sama viro kiel sur la antaŭ paĝo



“La ekiĝanta  feminino”



Lunlumigataj folioj

De virino ĉ. 40jara



"Naĝante en neprofunda akvamaso" (pentrita laŭ sonĝo)



Bildo laŭ sonĝo
de virina studento ĉ. 25jara

# Vizitis nin britdevena irlandano —Christopher Fettes.

**de Katja Steele**

Verdulo, Ekologo

Kiel komenciĝis la verdula partio en Irlando? Christopher Fettes faris en 1971 prelegon al *Asocio por natursaneco en Irlando* kun titolo *Kial ni bezonas biopolitikon?* "Kompreneble, tiu vorto ne ekzistis antaŭ ol mi kreis ĝin" — diras Christopher. Li sciis, ke liaj altaj postuloj ankoraŭ ne estas plenumeblaj kaj ne surpriziĝis, ke la nura dudeko da ĉeestantoj ne montris grandan intereson pri la temo.



Katja Steele kaj Christopher Fettes

En 1975 Christopher estis en Novzelando, kiam tie okazis tutlandaj parlamentaj balotoj. “La atenton de la voĉdonantoj altiris nova partio *Values Party*, kies ideojn mi trovis ege simpatiaj”. En la sekva jaro fondiĝis la *Verda Partio* en Germanio kaj baldaŭ la *Ekologia Partio* en Britio. “Ĉiuj tiuj eventoj revivigis miajn intencojn kaj fine de 1981 mi kaj miaj amikoj kunvokis kunvenon, al kiu venis 70 homoj. Ili estis membroj de asocioj por protektado de bestoj, kontraŭvivisekcia asocio, Amikoj de la Tero, kontraŭantoj de la uzado de atoma energio kaj simile. Ni disdonis al ili la anglalingvajn informilojn de la brita ekologia partio kaj alvokis al unuiĝo de niaj fortoj en Irlanda Ekologia Partio. Ni sukcesis. Proksimume 50 el la ĉeestantoj fondis *Ecology Party of Ireland*.

“Sekvis periodo de interna bolado — ideoj, diskutoj… Ni baldaŭ trovis taŭgan nomon en la gaela lingvo: *Comhaontas Glas*, per kiu ni estas daŭre konataj en la Eŭropa movado verda. Ses monatojn poste estis parlamentaj balotoj. Ni konsciis, ke ni estas “tro junaj”, sed ni uzis la okazon por disdoni varbfoliojn. Post pliaj 18 monatoj denove estis balotoj. Tiam ni jam havis grupojn en pluraj lokoj kaj ni anoncis 7 kandidatojn por la parlamento. Sukcesis neniu — kaj tion ni antaŭvidis.”

En 1984 okazis balotoj por la Eŭropa Parlamento. “Oni elektis min kandidato por Dublino. Mi ricevis ne multe, sed sufiĉe da voĉoj por altiri atenton de la homoj” — memoras la evoluon Christopher.

Finfine en 1989 la verduloj sukcesis havi unu membron en la irlanda parlamento. Nun, en 2009, ses el la 168 parlamentanoj estas tie verduloj. Unu el ili estas la ministro pri energio, unu ministro pri medio, alia subministro pri nutrado. “Ni devis kompromisi, aldoniĝi al alia partio. Bedaŭrinde, la aktuala monda ekonomia krizo bremsas la realigon de pluraj niaj ideoj pro la manko de necesaj financoj (ekz. konstruado de pliaj fervojaj linioj). Tamen, ni havas ankaŭ atingojn. Unu el ili estas deviga postularo rilate energikonsumadon ĉe konstruado de domoj.”

“Kiel fondinto de la Irlanda verdula partio mi ĉeestis en 1982 la 1-an kongreson de eŭropaj verduloj en Belgio. “Estis okulfrape, ke la anglaparolantoj havis dum la kongreso avantaĝon.

Kion Christopher faras nun? Kiel emerito (li estis instruisto pri la angla kaj franca lingvoj) li ĝuas la liberecon sur sia 20-hektara bieno en Irlando. Li ĉiam amis arbojn, “Ili ne forflugas kiel birdoj”— diras li kaj 10 milonojn da ili li plantis en sia bieno. Ĉefe kverkojn, fagojn, ĉerizojn, kaŝtanojn, larikojn kaj juglandojn. Foj-foje li vojaĝas al siaj foraj familianoj kaj amikoj, sed pli ofte li mem akceptas vizitantojn — jare proksimume 200! Gaja homo, agrabla kompano, indas lin gastigi — aŭ viziti!

*Noto de la redaktoro:*
Ne konfuzu ĉi tiun Christopher Fettes
kun la dramisto/aktoro Christopher Fettes.
Pri la verdulo/ekologo Christopher Fettes vi povas legi pli da detaloj ĉe
http://www.greenparty.ie/en/about/history

---



# NOVELO

## Jangabara

### de Trevor Steele

La mallonga kaj absurde larĝa strato de Derby estis nekutime bunta; ĉie estis longaj paperstrioj ruĝaj, blankaj, kaj bluaj, kaj ĉie estis tiu ruĝa-blanka-blua flago, kiu pensigis Jangabara pri araneaĵo, tiu simbolo de la Brita Imperio, kune kun alia flago kun nekonata nigra birdo. Tie kaj tie estis granda bildo de dika, probable malaltkreska virino kun pinta nazo kaj iom severa mieno. Jangabara deĉifris kelkajn tekstojn sed ne komprenis (ne ŝajnis esti en la angla lingvo): *VICTORIA REGINA IMPERATRIXQUE.* Eble la vortoj estis en tiu alia lingvo, kiun Billy malrapide tradukis por li.

Poste li petos Billy klarigi la signifon. Certe estis festa tago, iom simila al ceremonia tago ĉe la Banubi[1], kiam viroj kaj virinoj sin farbas por danci kaj kanti. La homoj sur la strato evidente portis siajn plej belajn vestojn, kvankam Jangabara trovis tiujn strangajn tukojn iom malbelaj. Li jam kutimis al la vira modo, tuboj laŭ ambaŭ kruroj — li mem portis tiajn dumdeĵore — kaj la multe tro varmaj supraj vestoj, sed la grandvolumenaj virinaj roboj kun enorma postaĵo ridigis lin. Li komparis tiujn dikegajn formojn kun la bele svelta de Doratina — ve, li ne pensu tro pri Doratina.

Estis diversaj ceremonioj kun multaj paroladoj en lingvo, kiun li nur parte komprenis — temis interalie pri "senmorta gloro de Ŝia Imperiestra Moŝtino" kaj "Ŝi regu eterne super ni kaj la tuta senkompara Imperio". Multfoje oni kantis, starante rigide, kaj kvankam la vortoj de kantantoj estas tre malfacile kapteblaj, Jangabara ofte aŭdis la vorton *Victoria*. Billy klarigos iam. Estis ankaŭ buntuniforma orkestro kun diversaj bum-bum-bum-instrumentoj, kaj aliaj, en kiujn oni blovis marŝante. Billy ne estis certa, sed ŝajnis al li, ke la ritmo de tiu orkestro iĝas pli kaj pli necerta, eble pro tio, ke post ĉiu prezentaĵo la viroj en uniformo glutis bieron.

Aha! Jangabara vidis Billy galanti en sia policuniformo kun juna, modere bela virino. Jangabara amare ridetis: Billy eble amoris ĝis nun nur kun Doratina, sed lia korpoteniĝo pensigis, ke li volas amori kun tiu virino kun rufaj haroj kaj maldika talio super grandadimensia jupo. Billy volonte klarigos al li poste, li supozis, kvankam Billy volis prisekreti tiun aferon pri la malrapidaj marŝoj kun kaptitoj. Billy sendube kredis, ke Jangabara ankoraŭ ne komprenas, sed fakte Pikapak eksciis de iu, kial kelkaj policistoj ŝatas reveni tre malrapide al Derby, se ili kaptis nigrulojn en la boŝo. Nek Pikapak nek Jangabara povis kompreni la logikon, sed laŭ Pikapak ju pli da noktoj la

[1] Indiĝena grupo aŭstralia

policistoj estas survoje kun kaptitoj, des pli da mono ili ricevas.

La blankuloj havis tiun strangan koncepton *mono*. Jangabara povus kompreni, se ili volus havi pli da manĝaĵoj, pli da virinoj, senlaboraj tagoj, vestoj, tabako … sed *mono*? Iam Billy diris ŝerce, ke mono estas ciferoj en libro en banko. Tio klarigis nenion al Jangabara.

Sed la sekreto de Billy ne plu estis sekreto, kvankam li ne sciis, ke liaj du helpantoj ĝin konas. Aliflanke, Jangabara havis sekreton, kiu koncernis Billy, sed li probable neniam diros al la anglo. Kaj tiu sekreto estis stranga vundo en la koro de Jangabara. Doratina ja naskis sian filon. Estis longa, doloroplena nasko, kiun Jangabara ne ĉeestis. Poste Doratina batalis kiel kolera serpento por savi la bebon, kiun la parencoj volis tuj mortigi. Ŝi plorante tiris la etan korpon al si kaj postulis, ke la parencoj lasu la decidon al Jangabara, kiam li venos.

Jangabara venis kelkajn tagojn poste, sciante nur, ke Doratina naskis kaj la bebo estas sana. Sed kia ŝoko! Jangabara tuj vidis, ke la bebo ne estas de li. Ĝi estis de Billy Dixon! Doratina plore petis Jangabara lasi la bebon vivi, nomi ĝin sia. Jangabara bone sciis, ke la parencoj — kaj li estis dankema, ke ili gastigas Doratina — ne volas havi tiun duonblankulon ĉe si. Li devis longe pripensi, kaj ne povis fari klaran decidon. Fine tamen li cedis al la parencoj kaj donis mortverdikton al la bebo. Doratina kortuŝe ploris, ĝis li krude demandis, ĉu ŝi volas, ke li ne plu vizitu ŝin. Tra lavango de larmoj ŝi tamen kapjesis: ŝi volas resti edzino de la viro, kiu mortigis ŝian bebon.

Ne, tion Billy neniam scios, pensis Jangabara, dum la orkestro ekigis ankoraŭ alian patriotan bruon. Kaj Jangabara diris al si, ke estas tempo por enkape vidi la finon de la konkurskuro.

La kulmino de tiu festotago en Derby estos la "sportoj", tio estas, ĉevalkuroj kaj kuro por viroj. La ĉevaloj, Billy jam klarigis, ne estos je la nivelo de kandidatoj por la Melburna Pokalo[1], sed ili estos la plej bonaj lokaj bestoj. Sed ĉefe ili donos oportunon por tiu sporto plej amata de angloj, nome vetado. Jangabara provis bildigi al si la frenezaĵon: homoj vetas tiun misteran *monon*, ke tiu aŭ alia ĉevalo gajnos en la konkurskuro, kaj poste kelkaj ricevos monon kaj la ceteraj perdos ĝin.

Sed pli interesa por Jangabara estis la sprinto por viroj, ĉar Billy kandidatigis lin, kaj onidire li estas la "favorato", tio estas, li havas pli da apogantoj, kiuj opinios lin gajnonto, ol ĉiu alia konkursanto. Billy estis klariginta la antaŭan tagon, kaj li aldonis, "Se vi gajnos, Anaset', vi feliĉigos multajn homojn — kaj pliriĉigos! Vi estos la heroo de Derby!"

Unue estis tri ĉevalkonkursoj. La kurejo estis elipsa ĉirkaŭ la vilaĝo — oni

[1] La plej grava ĉevalkurkonkurso en Aŭstralio, okazanta en Novembro ĉiujare.

antaŭe forpuŝis la aborigenojn, kiuj kutimis restadi sur la periferioj. La "startisto", la viro, kiu devis aranĝi, ke la ĉevaloj ekgalopu de la komenclinio pli-malpli samtempe, havis malfacilan taskon. Antaŭ ĉiu el la tri kuroj li devis multfoje provi starigi la bestojn kun iliaj ĵokeoj en rekta linio. Fine li devis kontentiĝi pri proksimuma ĝusteco de la aranĝo, kaj svingi flageton por signali la komencon de la kuro. Komence de la dua kuro unu besto ekgalopis en la malan direkton, kio ege amuzis la spektantojn.

Ankaŭ Jangabara ĝuis la spektaklon. Tre volonte li sidus sur unu el tiuj nemalbonaj ĉevaloj kaj provus igi ĝin galopi pli rapide ol ĉiuj aliaj. Konfesende la konkurso iĝis malfacile sekvebla, kiam la ĉevalhufoj ĵetis tiom da polvo, ke oni ne plu vidis la bestojn mem. Sed ĉar la fino estis la sama linio kiel la komenco, oni bone vidis, kio okazis ĉe la lastaj paŝegoj. Granda ekscito kaj huraoj kaj plendoj kaj krioj "Ni gajnis!".

Jes, tiu sporto plaĉis al Jangabara. Domaĝe, ke la Banubi ne havas rajdobestojn. Li provis imagi, ke viroj sidas sur kanguruoj kaj ilin konkursigas; Jangabara laŭte ridis.

Eble tiu rido altiris al li atenton de la homoj, kiuj antaŭe volis vidi nur ĉevalojn. Iu diris, "Hej, tiu estas Anaseto!"

Alia kriis, "Anaseto, iru tuj al la startlinio! Mi vetis je vi!"

Nur tiam Jangabara konsciis, ke estas tempo por lia konkurskuro. Li ridetis larĝvizaĝe al la viroj kaj duonrapide kuretis al la alia finaĵo de la strato, kie jam staris linio da junaj viroj, kurpretaj, do liaj rivaloj.

Inter la kurontoj estis viro el Kvinslando[1], jam gajninto en grava kuro en Viktorio. Multaj vetis je li. Krome estis eble dek viroj, kelkaj policistoj sub la komando de serĝento Whittacker. Jangabara rigardis ĉiujn rivalojn kaj decidis, ke nur la kvinslandano povus lin venki. Li aplombe iris al la viro kaj demandis lin kun amika rideto, "Via nomo?"

"A jes, vi devas esti Anaseto, oni parolas pri vi. Mi estas Archie. Bonŝancon!"

"Vi estos dua," ridetis Jangabara. "Mi ne bezonas bonŝancon."

"Ha, ni vidu!" diris Archie, kaj iomete kuris surloke, montrante belformajn surojn.

La startisto diris, "Sinjoroj, vi kuras pro la honoro de la Imperio. Gajnu la plej rapidpieda! Pre… e … etigu … vin … ek!"

Nekonante la konvenciojn, Jangabara ne tuj komprenis, ke tio estis la startsignalo. Sekve li la lasta ekkuris, kaj li konstatis, ke Archie jam antaŭas la ceterajn je almenaŭ unu longa paŝo. Jes, estos interese! Jangabara intence ne kuris plenforte dum du trionoj de la distanco, kaj intertempe Archie ŝajnis

[1] Kvinslando, Viktorio: kolonioj britaj en Aŭstralio; ili iĝis provincoj de la aŭstralia nacio en la jaro 1901.

facile gajnonta. Sed subite la mallongaj sed tre potencaj kruroj de Jangabara moviĝis tiel rapide, ke oni apenaŭ vidis ilin. Archie estis nur du paŝojn for de la fino, kiam Jangabara lin devancis. Preskaŭ histeria ekscitiĝo regis inter la spektantoj.

Kiam ili haltis, Archie aliris Jangabara kaj anhele diris, "Ili diris al mi, ke vi estas bona. Sed mi ne sciis, kiel bona."

Jangabara ridetis. "Dankon, vi faris kuron tre interesa."

Archie aspektis serioza. "Aŭskultu, Anaseto. Se vi venos kun mi al Viktorio, ni — tio estas vi — gajnos multe da mono. Estas multaj kuroj tie. Pensu pri tio!"

Jangabara estis flatita. Sed kiel li povus foriri de la kolonio, kie li kreskis? Li diris al si mem: Mi estas Banubi. Li diris laŭte, "Dankon, Archie. Sed laboro ĉi tie."

Anaseto estis pli ol iam ajn antaŭe la heroo de Derby. Multaj viroj, kiuj gajnis monon per la kuro, volis regali lin per biero, kvankam nigruloj ne rajtis trinki publike. Billy venis forte skui la manon kaj gratuli, "Anaseto, mirinde! Mi sciis, ke vi povas, sed homo, vi lerte ludis — komence ni ĉiuj kredis, ke vi neniel povos gajni! Kiel Jack Mountford iam diris, vi estas fenomenulo!"

Ankaŭ la rufhara fraŭlino, kiu akompanis Billy, degnis skui la nigran manon. "A jes, Anaseto, jen Mary Adcock."

Billy tiris Jangabara flanken kaj flustris, "Alia premio por vi, amiko. Mi vetis kontraŭ la posedanto de Imperia Hotelo, ke vi gajnos. Li ĵuris, ke Archie Groom venkos. Mia premio: *vi* rajtos dormi ĉi-nokte senpage en Imperia Hotelo!"

Jen vera sensacio! Neniu nigrulo iam ajn rajtis tranokti en hotelo! Jangabara sentis, ke li akceptos, se nur por pruvi, ke nigruloj ne ĉiam pisas en la lito.

"Kie vi dormos, Billy?" flustris Jangabara. "Kun tiu virino?"

"Ankoraŭ ne, amiko," ridetis Billy. "Ne, mi dormos en la ĉambro apud via. Vi akceptas, ĉu ne?"

"Jes. Nun iru kun fraŭlino. Ŝi paŭtas."

Tiun vesperon, kiam la diversaj ekscitiĝoj de la tago ekpaliĝis, Billy vokis Jangabara al sia ĉambro en Imperia Hotelo. Jangabara jam faris kelkajn demandojn pri la signifo de la tago kaj la multaj flagoj kaj tiel plu, do Billy refoje volis uzi sian atlason.

Sed unue li rakontis pri la "fraŭlino". "Ŝia nomo estas Mary, sed mi devas ĉiufoje diri Mary Adcock, por distingi ŝin de tiu alia virino kun la nomo Mary. Ŝi estas nevino de Wilfred Adcock, kaj la tuta familio estas sufiĉe bonhava. Ankaŭ tiu ĉi Mary ŝatas multekostajn aferojn, sed mi kredas, ke ŝi estas sincera

kaj fidinda homo. Jes, vi pravas, ŝi plaĉas al mi. Sed mi kredas, ke miaj ŝancoj estus pli bonaj, se mi havus iom pli da mono. Sed vidu, estas prudente, se virino atendas, ke viro havu monon, ĉu ne? Se ŝi pretas akcepti senmonecon, ŝi devas esti iom stranga en la kapo."

"Bone, vi kaptita. Nu, diru al mi, kial festi hodiaŭ?"

Billy malfermis la atlason je tiu paĝo, kiu montris la imperiojn de la mondo. Li fingomontris refoje al la multaj ruĝaj areoj, la Brita Imperio. La franca estis verda, la kaduka hispana flava, la ŝrumpinta portugala bruna. Rusio estis grandega lando, sed ĉio en unu loko. "Estas alia potenca lando en Eŭropo nun," Billy diris. "Vidu, tie estas Germanio. Germanio ne estis unuiĝinta lando ĝis antaŭ iom pli ol dudek jaroj, kaj do la Germana Imperio estas ne tre impona. Oni diras, ke la germanoj komencas imagi, ke ili povas imiti nin. Ili kaj admiras kaj envias nin."

"Jes, mi komprenas. Ĉiuj homoj tie frenezaj, Billy. Sed kial multe da bruo kaj festo hodiaŭ?"

"Aĥ, nu, estis datreveno de Victoria. Ŝi estas nia imperiestrino, la reganto de la plej granda imperio en la historio de la mondo. Vidu, tie, la ruĝaj partoj."

"Ŝi tre potenca, ĉu?"

"Anaseto, ŝi estas la plej potenca virino en la monda historio. Pro tio ni ege respektas ŝin."

"Ŝi tre feliĉa?"

"Nu, pri tio mi ne povas garantii. Granda potenco alportas multajn zorgojn. Eble jes, eble ne."

"Ŝia vizaĝo ne tre feliĉa sur la bildoj. Kial ŝi volas havi tiom da tero?"

Billy ridis. Vere, Anaseto estis kara kaj talenta homo, sed oni ne povas atendi, ke sovaĝulo komprenu ĉion.

Poste Jangabara iris en "sian" ĉambron. Ĉu li tamen pisu en la lito por montri sian malamon de la reguloj, ke blankuloj dormu en ĉambroj kaj nigruloj sub arboj, kia ajn estas la vetero?

Tiun nokton li sonĝis. Mallumaj lokoj obsedis lin. Li devis ien iri, sed ne povis vidi por elekti la vojon. La elekto estis inter du situacioj, ambaŭ malbonaj, sed li ne kapablis vidi eĉ konturojn de la du.

Frumatene li vekiĝis ŝvitante. Kion li faris en tiu fremda lito en fremda ĉambro de fremdaj homoj? Li estis Banubi[1], li sopiris reiri al sia propra tero kun la sennombraj kavernoj kaj riveroj.

Kio estis tio? Aĥ jes, Billy Dixon ronkis en la apuda ĉambro. Billy estis

[1] T.e., de la grupo Banubi.

parto de tiu fremda mondo. Sed Billy estis ankaŭ lia amiko kaj ĉefo?

Jangabara demandis: Do kiu, kio mi estas? La heroo de la blankuloj, tiuj homoj, kiuj adoras monon kaj potencon? Aŭ Banubi sen vera hejmo?

Kaj subite li kredis kompreni, kial Doratina ne povis akcepti bebon de li, sed prenis de Billy. Vera Banubi-bebo devas eniri la patrinan ventron sur Banubi-tero[1]. Li, estante for de la hejmlando kaj pasigante sian tempon inter blankuloj, ne povis inde bonvenigi bebon. Aj, li estis multkiale senhejma homo, kies profunda memo sopiras al kontakto kun la tero, el kiu li mem venis. Por esti patro, kaj li volis tion fari, li devos reiri tien, kie la spiritoj de la Antaŭuloj fruktigos la ventron de la virino, kiun li penetros.

Li esperis, ke Doratina volas ricevi bebon de li.

Jangabara skuis lian kapon. Al li ofte mankis la mola karno de virino. Li sentis lojalecon al Doratina, kiu riskis sian vivon por sin doni al li, sed nek li nek ŝi atendis, ke ŝi estos lia sola sekspartnerino. Tre malofte li estis ĉe Doratina, kaj kie li trovu aliajn virinojn?

Unu fojon li kaj Pikapak iris al la virinoj loĝantaj ĉe la periferio de Derby. La sperto estis tia, ke ili ne volis ĝin ripeti. Tiuj virinoj estis almozulinoj, por kiuj seksumado estis nur ilo por akiri manĝaĵon aŭ veston. Krome, ili ne aspektis sanaj.

Dum la patroloj Jangabara foje vidis virinojn, sed ili ne volis rilati kun policisto, kiu malliberigis iliajn virojn.

Kaj la Banubi-virinoj timis drastan punon, se ili kuŝos kun Jangabara.

Do kion li faru?

---

[1]Tradicie, indiĝenaj aŭstralianoj je sia naskiĝo ricevis la spiriton/animon de supernaturulo de ilia tradicia teritorio.



Trevor Steele, aŭtoro de la ĉisupra rakonto

# SOLVOJ

**Cerbotiklilo 1:**
La anstataŭonta nombro estas 150.
Fakte, el maldekstre, la dua nombro rezultas el multipliko de la unua per 5; por la tria oni multiplikas la duan per 6; kaj la kvara estas rezulto de multipliko per 7 de la tria.
*5 → 25 → 150 → 1050*
*(5x5=25 — 25x6=150 — 150x7=1050)*

**Cerbotiklilo 5:**
La "enŝteliĝinta" vico estas d).
Fakte en la aliaj, la centra cifero funkcias kiel multiplikanto por unu paro da egalaj ciferoj, cele al rezultigo de la restanta paro.

**Divenludo:**
La montrofingro

**Venĝema Fierulo:**
La kalo

# KOREKTO

En Mirmekobo 4, via redaktoro erare aperigis bildon de akvohorloĝo por ilustri la solvon de la divenludo *Ĉemara idilio* sur paĝo 5:

## DIVENLUDO

### Ĉemara idilio

Via talieto tre maldika
ĉiam restos en mia memoro,
kaj tiu sablo delikata
lante en sino via glitanta.
Sonĝsilentajn horojn pasigis
vi, tre dolĉajn eĉ korŝirajn,
sugestantajn ĉiam al mi
pri iu tempo tre malnova.

***La ĝusta solvo estis** sablohorloĝo:⟶*

# NIA BILDARO

## Skulptaĵoj de Nek Chand

Nick Chand loĝas en la hindia urbo Chandigarh. Li kreas siajn skulptaĵojn el ĉiaj elĵetaĵetoj trovitaj sur la stratoj kaj diversloke. Li estas nun mondkonata.



# La Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla per peto aŭ senpaga abono ĉe la URL <mirmekobo@mac.com>, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per via legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Tamen, se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari senpage.

La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos.

Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuaĵon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.



Malnovaj numeroj de *Mirmekobo* troviĝas ĉe www.gazetejo.org/mirmekobo, kaj ĉe http://web.me.com/donbroadribb1/Mirmekobo/Mirmekobo.html.

Redaktoro:

Donald Broadribb

Adreso por ĉiuj komunikaĵoj, por peti ekzempleron, por sendi kontribuaĵon:

mirmekobo@mac.com